# Aŭstraliaj  Esperantistoj

## Novaĵletero de ĉiuj Aŭstraliaj Esperantistoj

**RETADRESE AL ĈIU ESPERANTISTO EN AŬSTRALIO, NOVZELANDO KAJ PETANTOJ**




**Redaktoro Roger Springer Provlegita de Franciska Toubale**



**PLENUMITA 24/01/2019 Kvarcentdeka eldono (unua eldono 20/09/2011)**

SENDITA AL 325. La informa kaj noma paĝoj reaperos nur kun la dekaj eldonoj


Sendu novaĵojn, leterojn, fotojn, informojn al Roger Springer rogerspringer@tpg.com.au;

**Uzindaj ligoj.** *openclipart. * *reta-vortaro *Freelang Vortaro* *Plena Ilustrita Vortaro* * Google Translate* * Pasintaj AE eldonoj* * Duolingo * duolingo all courses * lingvohelpilo* *PMEGramatiko* * Esperanta Retradio* *Esperanta himno*

Oni povas meti sian nomon, retadreson, urbon kaj landon al la listo de ricevantoj. rspring@tpg.com.au

★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★

## Entute 775,000 lernantoj nun studas Esperanton per Duolingo



Nun studas **356,000** lernantoj per la angla lingvo. (Ekde Majo 2015)

Nun studas **308,000** lernantoj per la hispana lingvo. (Ekde Oktobro 2016)

Nun studas **111,000** lernantoj per la portugala lingvo. (Ekde Majo 2018)

★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★

## Gramatika serio "La Verbo en P.A.G.".

### N.ro 52 (La Plena Analiza Gramatiko de Waringhien kaj Kalocsay)








En $ 152 P.A.G. klarigas, ke propozicio (*"sentence"*), montranta ja bildon, enhavas almenaŭ du necesajn elementojn: **1e**. iu aŭ io pri kio ĝi donas informojn kaj kion oni nomas la Gramatika Subjekto de la Propozicio, kaj **2e.** la informon en formo de verbo reprezentanta agon, kiun verban informon oni nomas Predikato. Ambaŭ el tiuj du elementoj povas konsisti el pli ol unu vortoj. Do ekz. "Viro manĝas." kaj "La maljuna viro estas manĝanta". P.A.G. asertas, ke kelkajn bildojn, do kelkajn propoziciojn, oni povas esprimi per nur unu vorto, do nur per Subjekto aŭ nur per Predikato, kaj traktas tiajn kazojn kiel esceptojn, sed mi preferas ne havi esceptojn kaj klarigi ilin kiel kazojn en kiuj oni subkomprenas la mankantan frazparton kiel ekz. en "(Vi) Venu!" kaj "Fajro (ekbrulis)!" kaj "(La temperaturo) Varmas". P.A.G. klarigas analize, kaj mi klarigas sinteze, do per malpli da vortoj kaj reguloj.



Pri tiuj "esceptoj" baldaŭsemajne. *Marcel Leereveld*

★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★



# La Manlia Esperanto-Klubo



Anoj kunvenas la unuan kaj trian sabatojn je la 10atm. Bavarian Beer Café, Manly Wharf. Unu taso da klubpagota kafo atendos vin. La 19a de januaro estis la tria sabato. Venis Roger Springer, Chris Holliss, John Casey, Eunice Graham kaj Ian Wylles. *Roger Springer*



# Pri ekparolu kaj pri Katalin. vidu AE409

Bone, ke estis mencio pri la programo Ekparolu.

https://edukado.net/ekparolu/prezento Tiuj kiuj finis bazan kurson de Esperanto povas uzi tiun programon por ekparoli kun sperta Esperantisto per Skajpo kaj do praktiki paroladon. Kvankam la edzo de Katalin Kovats estas Franco, ili neniam kune vivis en Francio. Ili loĝas en Nederlando jam dum 18 jaroj.



Jen filmeto kiun mi faris antaŭ kelkaj jaroj en kiu mi intervjuas Katalin https://www.youtube.com/watch?v=8t_C8OfpkOM

Amike, *Nicole Else*



# matena stelo vidu AE 408 kaj AE 409





Dankon al Henry Broadbent kaj ankaŭ al Terry Manley, kiuj certigis, ke mi rigardadis la Matenan Stelon, Venuso. Kiel mi skiribis responde al la epoŝto de Terry, kvankam mi supozis, ke tio kion mi perokuloj tre ĝuis estis Venuso, mi iomete dubis pro tio, ke la objekto verŝajne daŭre restis en la sama loko, sed post iom da tempo troviĝis konsiderinde pli supre. Sed, mi supozas, ke ankaŭ tio estas normala. Vere mirinda spektaklo.

Dankon ankaŭ al Katja kaj Kam pro la belaj fotoj de la Kongreso en Adelajdo; precipe plaĉis la aldono de la kompletaj nomoj, por ke tiuj el ni kiuj ne povas ĉeesti la okazintaĵojn en la mez- kaj oriento sciu kiu estas kiu. (Mi ĉiam plendas al Roger kiam mi rigardas fotojn sen nomoj.) 😀. *Vera Payne*



# Grandaj ĝardenoj uzatu ekonomie.

## NIA STULTA EKONOMIO.



Ĉu ni ne ĉiuj, ja apartenantaj al la homa raso, estas respondecaj por la nuna detruado ante la mondon? Precipe la detruado de arboj kaj de sablo kaj de petrolo' Tiu detruado baziĝas sur nia speco de politika ekonomio. Niaj fabrikistoj volas, ĉar devas, reklami, ke ni aĉetu pli da produktoj, ĉar nur tiel la fabrikistoj povas fari profitojn. Ne gravas al ili, ĉu ni bezonas la produktojn. Kaj por fari tiujn ofte nenecesajn produktojn ili devas uzi multe da petrolo, da sablo, da arboj kaj da plantoj kaj animaloj.

Rigardu en niaj rubcentroj kiom da utilaj plu uzeblaj artikloj ni forĵetas Kaj ankaŭ rigardu en la rubujoj de la mezaj lernejoj. Vi trovos tie post la tagmeza paŭzo, precipe en la privataj lernejoj, krom duonajn lunĉojn, multajn tutajn lunĉojn zorge preparitajn de la patrinoj, kiujn la lernejanoj forĵetis por aĉeti en la butiko malpli valoran manĝaĵon. Tiuj bonkvalitaj lunĉoj kune povus savi milojn da infanoj de morto pro malsato.

Ni ĉiuj kulpas pri tiu detruado nenecesa, ankaŭ (kelkaj dirus :"Eĉ") la virinoj, kiuj ja apartenas ankaŭ al la homa raso. Ne la infanoj, ĉar tiuj apartenas plejparte al la patroj, se ni kredas la sanktajn librojn.

Fabriki por detrui. Kaj fabriki pli por detrui pli. Kaj krei bezonojn por fabriki pli. Kaj ni ĉiuj kulpas kolektive, ĉar ni ĉiuj apartenas al la homa raso. Antaŭ kelka tempo Bob nomis la mondon bela, do ankaŭ la homojn. Ĉu, kontraŭe, ne estas stulta, malinteligenta, detrui sian propran planedon? Ni nenion faras kontraŭ tio, kontraŭ tiuj krimoi. Ĉu ne estas krimo reklami, reklami por fari pli da produktoj kaj tiel detrui pli sur nia tero? Rigardu kiom ege multe de la novaj produktoj estas, pro falsaj modoj, tuj ree detruataj? Ĉu registaroj, do ni, ne devus malpermesi reklamadon? Kaj tiel ankaŭ malhelpi ke homo perdas sian kaj nian tempon sennecese okupiĝi pri sensencaĵo, pri reklamado. En kelkaj landoj almozado ne estas permesata, sed ne la almozado ate de la fabrikistoj kaj komercistoj. Tiuj ja almozpetas vin doni vian monon al ili kontraŭ nenecesaj kaj mondruinigaj produktoj.

Ĉu ni ne estas sufiĉe inteligentaj por ĉesigi la skandalon? *Marcel Leereveld.*

## PLIO PRI MIA GRIPO .

Mia kuracisto diris al mi ne nur, ke mi bonŝancas postvivi la fortan gripoatakon, sed ankaŭ ke en Aŭstralio nunsezone ne ekzistas gripokazoj, kaj ke do aŭstraliano ne povis infekti min, kaj ke sekve mi estis en kontakto kun eŭropa turisto iam pasintjare. Nu, mi manpremis kun pluraj Esperantistoj el Eŭropo, kie tiam kaj nun la gripo rondiras, kaj ankaŭ vangumis kun Esperantistino. Do proksiman printempon mi devos rifuzi fari tiun kontakton kun eŭropaj Esperantistoj, por evit rean gripon kun ebla morto. Mi esperas ke ili pardonos mian malvarmecon kaj mian rifuzon tuŝi ilin. Mi nur svingos la manon en la aero. *Marcel.*

## KONSILOJ PRI GEOGRAFIAJ NOMOJ .

Estas miriga, kaj timiga, kiel cetere tre inteligentaj kaj kleraj Esperantologoj kaj Akademianoj, subite perdas sian logikon kaj kleron, kiam ili devas solvi Esperantaĵon Esperantece, anstataŭ eŭropece. Ili ĉiuj scias kaj aplikas la regulojn kaj la spiriton de Esperanto, kutime eĉ se tio ne samas al la eŭropaj lingvoj. Sed kiam temas pri solvi unu parton de la lingvo ankoraŭ nesolvitan, ili tuj forgesas la esencon de Esperanto kaj kreas alian, ne-Esperantan lingvon se temas pri personaj nomoj. Ili konsekvence kreis duan Esperanton, por parto de nia lingvo, aplikante tute aliajn regulojn por tiu dua Esperanto. Timiga, ĉu ne? Sed vera.

Du Esperantojn, kun du malsamaj reguloj. La unua estas la kutima, kun siaj striktaj reguloj kaj kutimoj kiujn ĉiu Esperantisto obeas, kaj novan Esperanton por Personaj Nomoj, kun aliaj reguloj, ĉiuj kopiitaj el de la eŭropaj lingvoj. Ĉu pro timo esti vera kaj aŭtentika Esperantisto?

Ĉu pro manko de fido en la ĝisnuna Esperanto? Ĉu manko de respekto por la karaktero de nia lingvo?

Tiu malseriozeco pri Esperanto montriĝas plej multe en la listoj de geografiaj nomoj de la Akademio. Tiu listo estas alia lingvo ol Esperanto, sed tre similas al la eŭropaj lingvoj. Ĉu Rio de Ĵanejro obeas tiun regulon? Kaj Nova Zelando? Kaj Granda Britujo? Kaj Orienta Timoro?

Kaj ĉu ĉiu nocio ne reprezentatas de unu singulara vorto? Kio pri Filipinoj? Kio pri la Rokaj Montoj?

Kaj ĉu la regulo por vortkunmetado ne enhavas, ke la du partoj kungluiĝas sen io signifa inter ili? Kiel "partopreni". Do sen apostrofo, sen streketo, sen ĉeflitero, sen finaĵo? Kio pri La Plato; Los Anĝeleso; Novaja Zemljo? Kaj aliaj Esperantecaj reguloj neobeataj?

Jen estas miaj Esperantecaj reguloj ankaŭ por la geografiaj nomoj:

**1e**. Ni akceptu kaj uzu la malmultajn oficialajn terminojn (Francujo; Londono, Eŭropo). La nomoj de landanoj formatas per la sufikso "-ano", dum la sufikso "-i-" por landoj ne estas uzebla, ĉar kontraŭregula.

**2e**. La reston de la geografiaj nomoj ni uzu en la ortografio de iliaj etnaj lingvoj, sed ĉiam en latina literumo (Novosibirsk; Ŝang Hai; Timor Leste).

**3e**. La Akademio nuligu siajn listojn de konsilataj nomoj geografiaj, ĉar ili multfoje estas nelogikaj, ne-Esperantecaj, kaj kelkfoje eĉ samaj al jam ekzistantaj radikoj (*La Plato; *Kubo).

**4e**. La nomoj de popolanoj, kiuj ja estas komunaj nomoj, ne havu ĉefliteron, kaj havas la artikolon "la".

**5e**. La Esperantistoj inventu, kaj uzu kiel neologismojn, kaj la Akademio eventuale oficialigu, pliajn Esperantajn nomojn por internacie multe uzataj geografiaĵoj, sub la jenaj kondiĉoj:

**a**). La nova termino konsistu el nur unu vorto (ja por nur unu nocio). Tiu termino estas radiko nedividebla, malgraŭ la aspekto. (Laplato; Riodeĵanejro; Nordameriko; Nigromontaro; Novmeksikio). Ĝi kelkfoje, per sufikso "ujo", formatas el neologisma popolnomo (Vjetnamujo).

**b**). Ĝi ne enhavu en si iujn ajn streketon, apostrofon, ĉefliteron aŭ gramatikan finaĵon. (Lapazo; Losanĝeleso; Eburbordo; Sanktagato; Njujorko; Novzelando).

**c**). Ĝi ne samu al jam oficiala vorto kun alia signifo: (Kubao; Maltao; Kanoo; Limao; Togio; Khataro). Ĝi do ne kreu homonimojn.

**ĉ**). Ĝi estu en la singularo: Aten(urb)o; Rokmontaro;l Filipinio (Pilipinujo); Vestindiaro; Alparo; Himalajo.

**d**). Ĝi komerncu per ĉeflitero, nepre, kaj nur se en substantiva formo.

**e**). Ĝi ne enhavu duoblan saman konsonanton (ĉar kontraŭ la spirito de Esperanto); (Suomio por *Finnlando; Boneno por *Bonn; Kanso por Cannes).

**f**). Ĝi ne enhavu ne-Esperantajn literojn, sed uzu multe la literon "ĥ", (Munĥeno; Aĥeno; Zuriĥo; Ŝĥipholo; Mastriĥto).

**g**). Notu "Vieno" en Aŭstrujo kaj "Vjeno" en Francujo, kaj similajn. *Marcel Leereveld*








# Laboro en la norda teritorio.

**Petas koffitchè koufionou <bonior1@live.fr>**



Saluton Roger,

Mi estas koffitchè koufionou, Togolanda esperantisto, mi akiris vian retadreson ĉe Richard Delamore.

Nuntempe en la norda Australio, oni dungas eksterlandajn laborantojn. Tamen ni bezonus konatiĝi kun iu lokano (dungisto) kiu helpos nin por veni kaj labori en la norda teritorio.

Mi petas ke vi bonvole faru reklamafiŝon en vian revuon, kun niaj bildoj kaj kontaktoj.

Ni estas 6 personoj kiuj dezirus veni en nordan teritorion. Mi senpatience atendos vian reagon kaj pretas aldoni personajn informojn se bezone.

Via, koffitche KOUFIONOU Télécharger Outlook pour Android



# Kulturdomo de Esperanto - Kastelo Greziljono

kontakto: kastelo@gresillon.org, +33 2 41 89 10 34

## Nia programo en 2019

Ĥora-korusa kantado aŭ NaturArto : 12-16.aprilo
Intensivaj kursoj kaj KER-ekzamenoj aŭ piedmigrado : 26.aprilo - 4.majo
Maratona E-kurso kaj interŝanĝoj de scioj : 8-18.julio
Festa Semajno por infanoj-familioj kaj popoldancoj : 6-16.aŭgusto
Aŭtuna staĝo : 26.oktobro - 3.novembro

Vidu la agendon rete en : gresillon.org/agendo





**3ZZZ** En la elsendo de la 21a de januaro 2019 aŭdeblas intervjuo de Alan Turvey pri terapio per hipnotismo kaj informoj pri la aborigenaj virinoj de Okcidenta Aŭstralio encarcerigitaj pro ŝuldoj



*Franciska Toubale*